# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.
INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO
28a jaro AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1976 N-ro 4



*La fervojmuzeo de Hamar (Novegujo)*
*Muzea estro: J. Krogstie.*

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

# LA 28-A IFEF-KONGRESO JAM FORPASIS . . .

Jam? . . . Tiom multe ni parolis pri ĝi kaj apenaŭ ni havis tempon trovi la lokon de la kongresurbo sur la mapo. Tamen, ĉiuj ne skandinavaj partoprenintoj antaŭvidis tre longan vojon; "certe malvarmon ni trovos . . . eble ankoraŭ neĝon . . . certe boacoj . . . kial ne ursoj?"
Iom maltrankvilaj sed scivolemaj, ili forvojaĝis samtempe el ĉiuj anguloj de Eŭropo kaj – plej ofte – atingis unue Kopenhagon. Ĉarma, afabla urbo . . . kun la ridetoj de niaj ĉiam servopretaj danaj gekolegoj. Al ili, denove, elkoran dankon. Domaĝe ke ni ne povas resti tie . . . sed, kuraĝon . . . la celo estas pli norden. Horoj, kilometroj . . . Horoj, kilometroj . . .ĉu fine ni atingos Skelleftea?
Jes, mirinde. Ili (la sudanoj: komprenu la ne-skandinavoj) kiuj forlasis siajn landojn, ĉu orientajn, ĉu okcidentajn sed ĉiam sudajn, ili sin retrovis . . . en Skelleftea. Miraklo? Hazardo? Ne: ESPERANTO.
Mi ne rakontos al vi kiel ILI (la sudanoj) travivis tiun semajnon sur la sveda tero kaj kiel ili akceptis la svedan vivmanieron; ankaŭ mi ne deklamos la tutan programeron de la kongreso. Tiuj kiuj ne partoprenis (ve . . .) trovos ĉiujn raportojn en la propra landa bulteno aŭ aŭdos rakontojn el la buŝo de la revenintoj. Nur, permesu al mi, kiel simpla kongresano, esprimi la ĉefan senton kiun mi havis kaj aŭdis ĉirkaŭ mi: Kiamaniere la LKK sukcesis organizi tiun kongreson?




*La norvega blov-orkestro de BODÖ bonvenigas la alvenantojn.*



*De FORSLUND (Svedio) al BARKS (Britio). La verda flago restas en bonaj manoj.*

Certe, kiel en ĉiuj aliaj kongresoj, laŭ kvazaŭ sankta tradicio; oni trovis mankojn aŭ erarojn, sed, atentu, ni ne tro komparu la 28-an al la aliaj, ĉar la 28-a estis la laboro de tre malgranda grupo de personoj.
Ĉu ni kritiku aŭ ĉu ni laŭdu, ni konsciu pri la kuraĝo, la energio, la pacienco, la ĝentileco kaj fine la laceco de tiuj-ĉi LKK-anoj kiuj tenis ĉion en la mano. Specialan mencion meritas la simpatia paro de Skelleftea.
Se oni rigardas la mapon de SVEDIO, oni povas miri, ĉar imagu la ne tro multnombrajn membrojn de la landa sekcio dissemitajn sur tiu grandega surfaco kaj tute en la nordo: la kongresurbo.
Kaj tamen, malgraŭ ĉio, la verda flago flirtis ĝis la norda cirklo kaj iuj laponoj aŭdis pri Esperanto.
Tiun . . . miraklon, ni ŝuldas al niaj kuraĝaj svedoj, kiuj akceptis la riskon kaj sukcesis.
Ĉe la fino de la kongreso, s-ro Forslund transdonis simbole la flagon al s-ro Barks; akceptinte ĝin, nia brita kolego esprimis, inter alia, la esperon ke ne nur turistoj, sed ankaŭ **esperantistoj** partoprenos la 29-an.
Substrekinda rimarko, ĉar fakte, oni rimarkis en Skelleftea arojn da personoj, kiuj eĉ unu vorton en Esperanto ne scipovas kaj ne montras deziron ĝin elparoli. Samtempe, tiuj "fremduloj" alportas malfacilaĵojn al LKK . . . kaj nenion al la Esperanto-movado kaj al la kongreso.
Ili nepre estu malmultnombraj en Britio; grava problemo por la organizontoj kaj ankaŭ por IFEF.

La Redaktoro.

# PROTOKOLO PRI LA KUNSIDO DE LA FAKPRELEGA KOMISIONO SKELLEFTEA 14-6-1976

**Partoprenantoj**

| | |
|---|---|
| Britio: | Frank Curtis |
| Danlando: | Ejnar D Bitsch |
| Germanio: | Gernot Ritterspach |
| | Otto Rösemann |
| Italio: | Alberto Menabene |
| | Pietro Reitano |
| Svedio: | Harry Bengtsson |
| | Yngve Forslund |




1. Rösemann malfermis la kunsidon kaj transdonis salutojn de la gvidanto Willi Brandenburg. Bedaŭrinde, pro privataj kaŭzoj, li ne povis veni al Skelleftea.

2. Yngve Forslund (la preleganto en la 28-a IFEF-Kongreso) raportis pri sia agado koncerne la fakprelegon. Ĉio estas bone preparita. LKK presis 300 kajerojn de la fakprelego, kiujn oni disdonas post la prelego.

3. La komisiono pritraktis diversajn problemojn. Ĉefe oni priparolis la preparadon de la fakprelego. Grava estas, ke la kompetentaj kunlaborantoj agu laŭ la regularo kaj respektu la limdatojn. Estas nur 11 monatoj ĝis la venonta kongreso.
Grava estas ankaŭ la interkongresa aktivado; al tio apartenas la traduko de la prelegoteksto al naciaj lingvoj kaj la kontakto kun la Terminara Komisiono ktp.

4. Ĝis la 31-a de decembro 1976, la landaj asocioj komuniku al la sekretario de la komisiono la nomojn (aŭ ŝanĝojn) de siaj kunlaborantaj komisionanoj.
Propono: La ĉefkomitatano demandu en sia demandilo por la jarraporto kiu estas la kunlaboranto (en jaroj dum para nombro – regularo III/5).

5. La kompetenta kunlaboranto en la 29-a IFEF-Kongreso estas kolego Frank Curtis.
La temo: "Komputera disponado pri transportkapabloj ĉe la brita fervojo".
Kolego Frank Curtis tradukos kaj prelegos. La temo estas sufiĉe interesa kaj aktuala.
La preleganto proponos la temon ĝis 31-a de julio al la gvidanto. La gvidonto sendos al la prelegonto la ĝeneralajn gvidliniojn.
La 30-a aŭ la 31-a kongreso okazos en Romo. La italaj kolegoj antaŭvidos jenan temon: "La evoluo de la lokomotivoj ĝis hodiaŭ".

6. Raportantoj pri aliaj aranĝoj mankis (fakprelegoj en UEA-kongresoj Kopenhago kaj Ateno).

O. Rösemann
(sekretario)

# PROTOKOLO PRI LA KUNSIDO DE LA JUNULARA SEKCIO DUM LA 28-A IFEF-KONGRESO, LA 15-AN DE JUNIO 1976

**Tagordo:**

1. **Plibonigo kaj intensigo de varbado kaj informado ĉe la junaj fervojistoj.**
2. **Kromaktivecoj por pligrandigi la nombron de la junaj IFEF-anoj.**
3. **Rilatoj kun ne-Esperantistaj junularaj organizaĵoj kaj kun TEJO.**
4. **Organizado de junularaj aranĝoj.**
5. **Rilatoj de respondeculoj pri junularaj aferoj de la landaj sekcioj kaj de la junulargvidantino. Planagado por 1976-a.**
6. **Diversaĵoj.**

**al 1.** Al 500 svedaj broŝuroj pri INTER-RAIL oni donis informilojn pri Esperanto (Pasporta servo. La ebleco por junuloj tranokti ĉe iu familio). Ankaŭ la aliaj landaj sekcioj klopodu akiri tion.
Preskaŭ ĉiuj landoj havas korespondan kurson. Samideanino el Jugoslavio proponis surbendigi ilin al sonkasetoj. Por fari ĝeneralan korespondkurson (uzeblan por ĉiuj landoj) ni ekzamenas la utilon de la konversacia kurso de GEFA.

**al 2.** Pro grava malsano de la junulara gvidantino, f-ino Merlani ni devas konsideri ŝian demision. Kaj ĉar nuntempe ni ne havas taŭgan personon por tiu ĉi tasko kaj pro manko de junuloj, estas ne necese elekti novan gvidanton. Pro tio, por la periodo de unu jaro ni rezignas gvidanton por 1976. Samtempe ni petas al la landaj sekcioj bone esplori la situacion kun la junularo en ilia propra lando (nombro de la junuloj malpli ol 28-jaraĝaj, ktp.), kaj raporti al la estraro. Se ni gajnos novajn junulojn, post unu jaro ni eble povos elekti novan gvidanton.

**al 3.** Rilatoj kun ne-esperantistaj junularaj sekcioj ne ekzistas. Penadoj en tia afero restas sen rezultoj.
Rilatoj kun TEJO ne ekzistas.

**al 4.** Dum februaro 1976 okazis skisemajno en La Molina, Hispanio.
La venonta skisemajno okazos de la 22-a ĝis la 29-a de januaro 1977 en Les Gets, Francio. Detalaj informoj baldaŭ aperos en formo de pamfleto.

**al 5.** La plano por 1976 estas daŭrigi la korespondajn kursojn kaj intensigi la varbadon.

**al 6.** De s-ino Kruse ni ricevis ekzemplojn por varbafiŝoj, el kiuj ni elektis unu kiel la plej taŭgan.

QUIETENSKY ERNST

---

UTILIGU LA KONGRESAN REZOLUCION!

---

# VARBADO/INFORMADO KOMISIONO
# SKELLEFTEA – JUNIO 1976
# RAPORTO PRI LA DU KUNSIDOJ (13.6. - 16.6. 1976)

Malgraŭ mia volo, mi ne povis gvidi la kunsidon dimanĉe. S-ro HARTIG, tre afable, anstataŭis min. Tiu kunsido grupigis ĉirkaŭ 70 personojn, kiuj sub la vigla gvidado de s-ro HARTIG alportis multajn ideojn.

La dua kunsido, kies antaŭvidita celo estis diskuti la kolektitajn ideojn fare de la responsuloj ne ebligis fruktajn laborojn. La starigo samtempe de Terminara Kunsido, kies pluraj ĉeestantoj estas ankaŭ membroj de V.I.K. (Varbado/Informado Komisiono), multe ĝenis min. Ankaŭ miskompreno okazis pri la formo de tiu kunsido, kiu estis antaŭvidita "ne publika", kaj estis anoncita "publika" en la kongres-libro.

Mi bedaŭras tiujn malfavorajn faktojn. Sed se vi konsentos, ni provos plenigi la dosieron: Informado/Varbado per daŭraj agadoj dum la jaro.
En VILLACH, mi disdonis tradukaĵojn de franca dosiero. Ne por ke vi kopiu ĝin, sed nur por ke vi havu scion kion vi povos eventuale fari.
Al la landoj, kiuj ne estis reprezentitaj dum la dua kunsido, sed kiuj delegis responsulon, mi sendas la raporton de la jam pasinta jaro kun tabelo de la agadoj. (Mi aldonas, por ĉiuj, informojn pri Danlando).

Mi kompilis la diversaĵn ideojn, kiuj ŝprucis dum la unua kunsido. Mi resume ordigis tiujn ideojn en du kategorioj:

A. la jam aplikitaj ideoj;
B. la ankoraŭ ne aplikitaj ideoj (laŭ mia scio).

Tiu resumo estas sendita al ĉiuj responsuloj ĝis nun konataj de mi, kaj al la landaj sekcioj de I.F.E.F., kiuj ankoraŭ ne indikis la nomon de iu responsulo. Mi estas deziranta havi vian opinion pri tiuj punktoj, kiuj estas substrekitaj. Ne sendu longan respondon, nur necesas indiki, kion vi povos fari tiurilate kaj viajn opiniojn, se ili estas malaj.
Ĉi tiun jaron, mi proponas, ke la landaj Asocioj presigu glumarkojn pri "Esperanto-Universala Lingvo", kaj karton, en nacia lingvo, sur kiu oni legos trafajn argumentojn pri la valoro de Esperanto KUN la nomo, la adreso de via Asocio, tiamaniere ke la interesitoj sendu siajn adresojn (kaj nomojn) por ricevi pliajn informojn pri Esperanto, via Asocio kaj viaj kursoj.

Instigu vian estraron plifaciligi nian taskon voĉdonante buĝeton por realigi taŭgajn varbilojn, reton por disdoni tiujn varbilojn, k.t.p.

Anticipan dankon al ĉiuj!

La gvidanto de V.I.K.
P. ROBIOLLE

---

**La Redaktoro klarigas . . .**

IF-on 3 vi atendis sufiĉe longe . . . kaj, tuj poste, vi ricevas IF-on 4. Kial?
Kaŭzoj estas jenaj:
— la kongreso okazis en junio anstataŭ en majo (ni devis do atendi la kongresajn raportojn)
— la presisto libertempis dum julio (li ankaŭ rajtas ripozi, ĉu ne . . . )
Pardonu tiun ne-regulan alvenon de IF.

## 29-a KONGRESO DE IFEF: EN BRITIO!
## (de la 13-a ĝis la 20-a de majo 1977)

En Avignon kiam Barks salutis la kongresanaron dum la inaŭguro, li menciis ke li proponis inviti la kongreson denove al Stoke-on-Trent en la jaro 1988 – kaj tuj post la ceremonio kelkaj emerituloj diris ke iliaj aliĝiloj venos. Barks tiam opiniis ke antaŭ '88 Stoke-o-T estos pli belaspekta ol en 1963 kiam okazis la kongreso tie. Li ankaŭ esperis ke la nombro de hoteloj pligrandiĝos. La manko de hoteloj en 1963 estis la plej – aŭ preskaŭ la plej – granda malhelpo kiun havis LKK. Bedaŭrinde anstataŭ konstrui, oni MALkonstruas hotelojn en la urbo por konstrui novan ĉefvojon tra la centro de "Old Stoke".
Hazarde (ĉio okazas hazarde en Stoke) iu menciis THE HAYES CONFERENCE CENTRE, SWANWICK, DERBYSHIRE, kie kongresis SAT antaŭ kelkaj jaroj. Kelkaj leteroj kaj telefonvokoj malkovris la fakton ke IFEF povas havi taŭgan semajnon en 1977, de la 13a ĝis la 20a de majo. Vendredo al vendredo, kvankam ne kutime, estas akcepteble al la Estraro. Kaj ĉar la brita pundo nun havas malsanon kiu estas malbona afero por ni, kompatindaj britoj, ŝajnas ke '77 estos multe pli bonŝanca jaro por la eksterlandanoj veni al Britio ol estos '88 kiam la petrolo enfluas de la Norda Maro, kaj la pundo resaltos.
La IFEF estraro iomete dubis ĉu estus prudente akcepti la britan inviton, ĉar kvankam estas kelkaj findindaj BAEF-anoj, oni dubis ĉu Barks jam estas sufiĉe matura gvidi ilin.
Iel ajn la atenditaj invitoj de aliaj ne menciindaj landoj fine ne alvenis, do oni akceptis la inviton de la britoj – kun la espero ke ĝis majo '76 Barks maturiĝos.
Do la kongreso venos al Swanwick. Kvankam SWANWICK ŝajnas malfacile prononcebla al kelkaj eksterlandaj langoj, Suanik kial prononcas ĝin la indiĝenoj estas tutfacile elbuŝebla.
Provu: SUANIK, SUANIK, SUANIK.
Jes, tiuj anglaj nomoj ne estas tiel strangaj. Suanik estas malgranda urbeto aŭ granda vilaĝo, kvin kilometrojn for de la urbo ALFRETON kie estas stacidomo 'Alfreton & Mansfield Parkway' kiu estas sur la ĉeffervojo de Londono (St. Pancras) al Sheffield.
La plimulto de la ekspresaj trajnoj de Londono haltas en Alfreton & Mansfield Parkway (poste ni aludos al Alfreton, kaj forgesos pri 'Mansfield Parkway'). Aŭtobusoj atendos ĉe Alfreton la kongresanojn. La kosto de tio estos ankalkulita en la aliĝilo, kaj kvankam la aŭtobuskompanio avertas LKK-on ke inflacio altigos la originalan prezon, LKK esperas ke iu riĉa onklo eble testamentos al ili sufiĉe grandan sumon por eviti deficiton.
En The Hayes (pron. The Hez) estas litoj por 350 personoj, kaj tie la 350 povas ĝui kvar manĝojn tage. Komprenéble unu el tiu manĝoj estas la angla – pardonu – la brita te-manĝo, kiu estas ĉefe buterpano kun marmalado kaj hejmbakitaj kukoj.
La lakto kaj butero estas el la bovinoj de la Hayes (Hez)-bieno. Sed mi dubas, ĉu The Hayes (HEZ) faras propran bieron.
Ni menciu ke la biero estos trioble pli forta, kaj kvarono de la prezo de iu ajn biero kiun mi trinkis sur la kontinento dum la pasintaj kelkaj jaroj. Do

estu avertitaj, aŭ eble vi, jes VI, se vi tro trinkus, testamentus vian bonhavon al Esperanto.
Ĉu ni inaŭguros strato(j)n Esperanto, mi ne certas. Mi kredas ke "jes" en York dum la tuttaga ekskurso, kaj, aŭ en Matlock Bath dum ekskurso tien, aŭ en Ashbourne dum ekskurso al Stoke-o-T.
Jes, estos ekskurso al Stoke-o-T, ĉar Barks deziras ke vi rigardu la beligitan urbon, kiu nun havas belajn novajn parkojn kun arbkovritaj montetoj kie en 1963 estis la malbelaj cikatroj de la malnovaj karbminejoj kaj uzinoj.
La SEP urbodomoj kaj la aliaj publikaj konstruaĵoj kaj la preĝejoj estas nun purigitaj kaj oni vidas belajn orflavajn ŝtonojn anstataŭ la fulge nigrajn konstruaĵojn. Kaj certe multaj de la kongresanoj deziros vidi la bufedon de 'La Verda Stelo', kiu ne ekzistis en 1963, sed nun staras je la angulo de la ĉefvojo kaj Esperanto Way. Esperanto Way estis inaŭgurata en la jaro 1963a. Sed estontaj bultenoj donos pli da informo pri la kongreso, la kongresejo, kaj la Midland Railway Company, kiu konservas 5 km. de malnova fervojo inter Alfreton kaj Suanik.

LKK.



## ANONCETOJ:

Centra Informejo de Pola Esperanto-Junularo (PEJ), str. Slaaska 66 B, 80-389 GDANSK - Pollando, serĉas kontaktojn kun gejunuloj. Respondo certa.



En la Biblioteko de Germana Esperanto-Instituto mankas la kongreslibroj de jenaj IFEF-kongresoj:
2/1950, 5/1953, 6/1954, 7/1955, 8/1956, 10/1958, 12/1960, 13/1961, 14/1962, 15/1963, 16/1964, 17/1965, 18/1966, 20/1968, 21/1969 kaj 22/1970.

Iamaj LKK-oj estas petataj trarigardi eventuale restantajn ekzemplerojn kaj sendi specimenon al
S-ro Adolf Burkhardt
Untere Str. 39
D 7311 Bissingen/Teck.



**Pri la kompleksaj vortoj en Esperanto**

**Unua parto:** Kiel klarigi kunmetitajn vortojn al Esperanto-lernantoj.
**Dua parto:** La akcento en kunmetitaj vortoj.
Didaktika traktaĵo dek-paĝa kun multaj vort-ekzemploj, mendebla ĉe A. Lienhardt (24 ave de Riedisheim, 68100 Mulhouse). Kosto: 2,00 francaj frankoj aŭ 2 internaciaj poŝtaj respondkuponoj.
La rilata magneta son-bendo estas havebla ĉe: Magnetofona Servo, 2040 Springbank Road, Mississauga, Ontario, Kanado L5H 3N6.

# VOJAĜO SEN PORTADO DE KOFROJ

(ironia kontribuaĵo)

Antaŭ nelonge la germana fervojo instigis per la slogano:
"Kiamaniere ankoraŭ plibonigi kaj plifaciligi al niaj pasaĝeroj la ekspedon de iliaj valizoj?"
En germana sindikata gazeto "Der Eisenbahner" oni nun povas legi ironian respondon al tiu agado de DB. Jen legu mem:

**"Pakaĵportado - plifaciligita.**

Vojaĝi kelkfoje estas peza, kiam oni observas la fervojon . . . Ĉu ankaŭ vi jam provis ekspedi viajn valizojn?
La DB pakaĵservo faras el tio ĉarmplenan pens-sport-taskon. Ĝenerale la afero ja estas simpla: Diru ĉe biletaĉeto "Mi havas valizon" kaj samtempe observu la vizaĝon de la biletvendisto! Eble li simple suprenlevas la ŝultrojn! Se vi estas bonŝanca, la afabla homo malantaŭ la giĉeto estas tiom bone informita, ke li parkere scias la nomojn de la nur kelkaj germanaj stacioj, en kiuj ankoraŭ troviĝas pakaĵ-akceptejo. Ĉi tiujn nomojn simple skribu sur la dorsflankon de via bileto. Ĉu tio ne estas servo?
Ha, vi volas veturi al loko, en kiu ne estas pakaĵ-eldonejo? — Ne faru skandalon! En tiu ĉi stacio jam nun nenio plu okazas, oni baldaŭ tute ŝlosos ĝin kaj la restantajn 162,3 kilometrojn vi mem transportu vian kofron al la celo.

**Pakaĵo - de domo al domo.**

Vi povos tute forgesi pakaĵ-problemon, ĉar vi aŭ nenion kunportos (kio estas la plej bona) aŭ vi akceptas la ĝishejman liveradon. Laŭ via deziro ni portos la kofrojn de via loĝejo kaj transportos ilin tien, kien vi deziras. Nur havu tempon kaj atendu ĝis kiam ni havos tempon por vi. Finfine vi ja ne estas la ununura.

**Tempo kaj mono.**

Nur dum labortagoj ni kapablas transporti kaj enmanigi viajn pakaĵojn.
Ĉar ankaŭ en la ekspedejo ne plu daŭre estas deĵorantoj, estas bone sin instali tiel, ke ĉiujn necesaĵojn, kiujn vi bezonas la lastan tagon antaŭ kaj la unuan tagon post la vojaĝo, vi havu en duobla kvanto.
La transportkotizo loke diferencas. Se oni havas iom da tempo en via ekspedejo, oni *povas* doni al vi la informojn (sen garantio).

Ni ĉiam deziras al vi bonan vojaĝon, senzorgan, sen valizoportado — antaŭ ĉio havu multe da bonŝanco."

Tradukis E. Kruse



# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## ITALIO

**Sporta Asocio "Fervojo" en Reggio Calabria** – Nia Grupo en Reggio Calabria starigis futbalteamon kiu nomiĝas "A.S. FERVOJO" (Esperantlingve) por propagandi Esperanton.
Ili nun atendas la Esperantajn insignojn por kudri ilin sur la ĉemizoj.
La teamo partoprenas en Interentreprena Futbalturniro.
Post la venko (unuafoje) de la kongresa teamo en Skelleftea, de tiu teamo estonte (precipe okaze de la IFEF-Kongreso en Italio) ni elprenos la elementojn por la Esperanto-teamo.

## ĈEĤOSLOVAKIO

Esperanto-rondeto "Amikeco" en urbo Česká Třebová, intencante plue popularigi Esperanton inter civitanoj de Ĉeĥoslovakio volas uzi eĉ nekutimajn eblecojn. Pro ĉi tiu kaŭzo ĝi intencas gastigi en jaro 1977 (dum januaro aŭ februaro) 3 Esperantistajn dancparojn el diversaj landoj, kiuj povus montri almenaŭ unu karakterizan dancon de sia lando dum la VIIIa Esperanto-balo en urbo Česká Třebová.
Pluajn precizajn informojn petu ĉe: Jiří Pištora, nám. Míru 1746, 560 02 Česká Třebová, Ĉeĥoslovakio.

*Futbalteamo "A.S. Fervojo" de Reggio Calabria. Malantaŭe starantaj: Megali D., Minniti, Caridi U., Romeo, Diano, Vitetta, Giordano. Antaŭe kaŭrantaj: Taglieri, Raffa, Caridi P., Tardivo.*



## NEKROLOGOJ

**GERMANIO**

La 18an de julio 1976 post grava malsano mortis en Leverkusen nia meritplena membro

Alfred **DAWID**, nask. 28.10.1895.

Jam antaŭ la milito li instruis Esperanton en la fervoja riparejo Oppeln. Post la dua mondmilito li laboris en fervoja riparejo Opladen, instruis ankaŭ tie, fondis Esperanto-grupon kaj kreis bonajn kontaktojn al la tiea popolaltlernejo. Pli ol 50 jarojn li senlace agis por nia afero. La nomigo de Esperanto-strato en Opladen estis kulmino de lia laboro.

Li estis vera samideano kaj ni konservos al li bonan memoron.
Al la familio ni sincere kondolencas.

Nur nun ni hazarde eksciis, ke en marto 1975 forlasis nin

Jakob **SCHNEIDER**, longjara membro de la grupo Kaiserslautern.

En la distrikto Stuttgart ni perdis fidelan membron

Adolf **STÜMPFIG**,
la 21an de aprilo 1976.

Al ambaŭ familioj ni esprimas nian kondolencon.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

**La redaktofino por la venonta IF estas 10.10.1976.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.